2.ª Ep. AÑO X N.º 53 (189) ENERO - FEBRERO 1972

Boletín

DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

# TEATRA PREZENTADO



Sceno de la verko "La tago kiam Karla alvenis" de nia samideano Julio J. Juanes, prezentita unuafoje en Bilbao, okaze de la Tago de Zamenhof.

Rolas: M.ª del Carmen Navarro kaj José Fariñas.

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

*Director:*
Domingo Martínez Benavente
*Redacción y Administración:*
Inés Gastón
Paseo Marina Moreno, 35, 4.°, dcha.
ZARAGOZA

*ADRESOJ*

Hispana Esperanto-Federacio:
Prezidanto:
S-ro Angel Figuerola Auque
Str. Víctor de la Serna, 19, 7.°
MADRID-16

Ĝenerala korespondado:
Sekretario:
S-ro Manuel Figuerola Palomo
Str. Víctor de la Serna, 19, 7.°
MADRID-16

Monsendoj:
Kasisto:
S-ro Gerardo Flores Martín
Str. Presidente Carmona, 2
MADRID-20
Ĉekkonto: N.° 8362-271
Banko Español de Crédito
Str. Diego de León, 54
MADRID-6

Libroservo:
Hispana Esperanto-Federacio
str. Rodríguez San Pedro, 13, 3.° desp. 7
MADRID-8

Sendaĵoj pri statistiko kaj informado al:
S-ro Salvador Aragay
Str. Bassegoda, 40, 3.°, 1.ª
BARCELONA-14

Eldona-Fako:
F-ino Inés Gastón
P.° Marina Moreno, 35, 4.°, dcha.
Ĉekkonto: N.° 17917, Banco Bilbao
Coso, 31 ZARAGOZA

Jarkotizo por eksterlando: 120 ptojn.



DONANTES DEL FONDO DE ADQUISICION LOCAL EN PROPIEDAD (F.A.L.P.)

| | |
|---|---|
| *Suma anterior* ......... | 76.100 ptas. |
| Juan Azcuénaga Vierna ... | 500 " |
| Felipe González del Pino. | 500 " |
| Carmelo Ezquerra ......... | 1.000 " |
| | 78.100 " |

Madrid, 16 de enero de 1972.

## de Secretaría

"La Junta Directiva de la Federación en su reunión ordinaria de 30 de octubre de 1971, y en cumplimiento de un acuerdo de la Junta General Ordinaria celebrada en Alicante, en el marco del XXXI Congreso Español de Esperanto, ha establecido la categoría de socios vitalicos o DUMVIVAJ MEMBROJ. Esta condición se alcanzará abonando la cantidad de 5.000 pesetas por una sola vez, en el momento actual. Cifra que podrá ser modificada en el futuro según la evolución de las cuotas individuales de la Federación, lo que afectará solamente a los que se inscriban dentro de aquellas circunstancias.

Esta categoría de socio se establece con carácter provisional hasta tanto se cumplan todos los trámites legales para incluirla en el artículo correspondiente de los estatutos de la Federación."

Encabezan la lista de DUMVIVAJ MEMBROJ:

1. Gerardo Flores Martín.
2. M.ª Mercedes García Montemayor de Flores.
3. José M.ª González Aboín.
4. Angel Figuerola Auque.

"La Junta Directiva de la Federación en su reunión ordinaria de 30 de Septiembre de 1971, acordó nombrar socio de honor de la Federación a D. Félix Díez Mateo, en razón de los valiosos servicios prestados al movimiento esperantista español."

"Por acuerdo de la Junta Directiva de 30 de septiembre, ante la imposibilidad de continuar el Libro-Servo en Zaragoza, por renuncia de la Srta. Inés Gastón Burillo, este servicio pasará a Madrid, dependiendo de la Junta Directiva de la Federación y radicado en la Secretaría central de la Federación, calle de Rodríguez San Pedro, número 13, 3.°, despacho 7."

"Se pone en conocimiento de los socios de la Federación que por no haberse recibido más que un 40 por ciento aproximado de las fichas enviadas por la Junta Directiva, juntamente con el Boletín, no se ha podido llevar a cabo la confección del nuevo DIRECTORIO de la Federación.

Se ruega encarecidamente que aquellas personas que todavía no hayan enviado su ficha lo hagan a la mayor brevedad. En caso de pérdida del impreso soliciten uno nuevo a la Secretaría."

Madrid, 5 de diciembre de 1971.
El Secretario de la Federación,
*Manuel Figuerola Palomo*

# XXXII CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO

Le cabe a Vigo el honor de ser la sede designada para la celebración del XXXII Congreso Español de Esperanto, que tendrá lugar, del 20 al 25 de julio próximo.

Al divulgar esta grata noticia, hemos de felicitar efusivamente al Comité Local Vigués encabezado por su ilustre Presidente Honorario D. Camilo Veiga Prego que actualmente lo es del Círculo Cultural Mercantil, y por el digno Presidente Efectivo D. Arturo Moreira, Delegado de Educación y Descanso y distinguido alumno de la Universidad de Santiago, así como también a los demás Señores miembros del Grupo Esperantista Vigués, denominado «Amo kaj Espero», por la intensa y meritoria labor que han venido realizando en bien del elevado ideal de la Intercomprensión Humana.

Y ahora hemos de enorgullecernos una vez más los vigueses por el concepto en que por doquier se tiene de acogedoras, bellas y cultas a estas nuestras amadas tierras, ya que en el Congreso XXXI, celebrado en Alicante, al que acudieron varios centenares de ilustres esperantistas de las diversas regiones de España y aun fuera de nuestra Patria, al proponer la población española en que habría de celebrarse el Congreso Nacional para este año 1972, por aclamación de la General fue designada nuestra ciudad por su importancia cosmopolita y cultural y por sus atrayentes encantos, y aun por su proximidad a la hermana Portugal, de donde se espera la participación de buen número de esperantistas.

Así pues, el número XXXII, tendrá por sede, como decimos, nuestra Ciudad de la Oliva, para él empiezan ya a llegar adhesiones de la geografía ibérica, esperando vernos honrados con muy distinguidas y honorables personalidades, y teniendo noticias de que se está perfilando uno de los programas más atractivos, halagüeños y culturales, que habrá de dejar indeleble recuerdo del cosmopolitismo y filantropía de este progresivo Vigo, así como de sus aspiraciones a todo lo que redunde en bien de la confraternidad e intercomprensión humanas.

*Emilio Crespo Cano*

# FUNDACION «ESPERANTO»

CONCURSO

De acuerdo con las reglas generales establecidas para el Concurso Literario convocado por la Fundación ESPERANTO, y con el artículo 5.° de los Estatutos de la Fundación, el Patronato de la misma, nombró para formar el Jurado calificador, a los siguientes señores: D. Juan Devís Calpe, de Valencia; D. Fernando de Diego y de la Rosa, de Zaragoza, y D. Gabriel Mora y Arana, de Manresa (Barcelona).

A la vista de los informes emitidos por dichos señores y considerando que son tres los trabajos que merecen ser premiados por el estudio e interés que en ellos se demuestra, el Patronato de la Fundación ESPERANTO, decidió aumentar un premio más de la Fundación, de la misma cuantía que el ya anunciado.

Quedando en primer lugar, por mayoría de votos, el trabajo firmado por NOVULO, en igualdad de puntos con el trabajo firmado por DIOGENO; estos dos trabajos recibirán los Premios "Fundación Esperanto", otorgándose el Premio "Sancho-Rebullida" al trabajo firmado por SATORAMIKO.

En presencia de los miembros del Patronato de la Fundación, D. Miguel Sancho Izquierdo y D. Víctor Ortiz Gratal, la Secretaria procedió a la apertura de los sobres, resultando ser autores de dichos trabajos los siguientes señores:

NOVULO. — D. Miguel Miravé Díaz, de Zaragoza; HEF-ano N.° 1965.

DIOGENO. — D. Salvador Gumá Clavell, de Reus (Tarragona); HEF-ano N.° 425.

SATORAMIKO. — D. Vicente Hernández Llusera, de Sabadell (Barcelona); HEF-ano N.° 286.

Zaragoza a 15 de diciembre de 1971.

Firmado: *Inés Gastón*
Secretaria del Patronato de
la Fundación ESPERANTO
y del Concurso

# PREMIO «FRANCISCO MAÑEZ»

KONKURSO

Post studo de la meritoj de la respektivaj kandidatoj al la Premio "Francisco Máñez", oni decidis atribui ĝin al la Nacia Instruisto, S-ro Félix Navarro Clemente, pro lia elstara kontribuo al la disvastigo de Esperanto kiel instruanto de nia lingvo en la Lernejoj de l' "Patronato de Juventud Obrera" de Valencia, dum pli ol dudek sinsekvaj jaroj.

Zaragoza la 18-an de decembro 1971.

*Emilio Gastón*
Sekretario

DONATIVOS PARA BOLETIN - 1972

| | | |
|---|---|---|
| José Anglada Prior (Barcelona) | 34 | ptas. |
| Ernesto Martínez (Cheste) | 80 | » |
| Cándido Cienfuegos (Mieres) | 20 | » |
| Armando Alvarez (Bilbao) | 15 | » |
| Antonio Costa (San Mateo, Ibiza) | 30 | » |
| Amalia Núñez (Pamplona) | 200 | » |
| Salvador Arnella (Parets del Vallés) | 850 | » |
| F. Alsina | 50 | » |
| J. Roig | 50 | » |
| A. Roca | 50 | » |
| L. Fort | 50 | » |
| S. Manrique | 50 | » |
| J. M. Pinedo | 50 | » |
| J. López Plaza | 30 | » |
| J. Comas | 50 | » |
| *Total* | 1.609 | » |

# PROVINCA ESPERANTISTA OMAĜO AL S-ro. SEBASTIAN CHALER EN TARRASA

La 12-an de decembro sub la patronado de la "Sociedad Coral Juventud Tarrasense" kaj ĝia Esperanto-Fako okazis provinca esperantista omaĝo al nia pioniro Sebastián Chaler Arnau pro liaj sesdekjara esperantistiĝo kaj okdek ok jaroj de vivo.

Multaj esperantistoj alvenis al Tarrasa por partopreni la omaĝon. En la mateno oni renkontiĝis en nia hora societo kaj tuj sekve, laŭ la aranĝita programo, ni vizitis la Teksan Muzeon Biosca, kies Direktoro akceptis nin en la solena salono per salutvortoj kaj rakontis pri la fondo de la Muzeo, ties enhavo, destino kaj funkcio.

Post la vizito en tiu ampleksa teksa muzeo de moderna arkitekturo, ni iris al apuda malnova konstruaĵo, kiu tre kontrastas kun la Muzeo. Estis la rekonstruita kastelo Vallparadis, kie ni vizitis la Urban Muzeon pri Arto. Sekve ni direktiĝis al la Vicgotikaj-Romanikaj Preĝejoj Sankta Petro, kiujn ni vizitis. Poste ni denove renkontiĝis en nia ĥora societo por la frateca kunmanĝado kaj samtempa omaĝo al S-ro Chaler.

Prezidis en la kunmanĝado la omaĝato S-ro Chaler kaj lia bofilino; la Prezidanto de la S. C. Juventud Tarrasense, S-ro Francisco Farré kaj edzino; Pastro Casanoves; Ge-sroj Francisco Poses; Ge-sroj Isidro Vives, urbokonsilanto; Ge-sroj Ramón Molera kaj Ge-sroj Ernesto Roca.

Ĉe la deserto S-ro Chaler regalis la unuan porcion de la impona torto al S-ino Puntigam, aŭstrino loĝanta en Tarrasa, unu el la geinfanoj, kiuj tuj post la unua Mondmilito alvenis al Hispanujo helpate de la esperantistoj por ŝirmi ilin de la postmilita mizero.

Tuj sekve S-ro Poses parolis al la ĉeestantaro pri la okazaĵo. S-ro Poses diris, ke S-ro Chaler aliĝis al nia ĥora societo en la jaro 1908 kaj baldaŭ okupis la postenon de sekretario. Li dediĉis tutan sian vivon al tiu granda ideo, kiu estas Esperanto kun tiel humana sento kaj obstina persistemo de sesdek jaroj, kiuj ne malvigliĝas je lia okdekokjara aĝo. Nome de nia ĥora societo mi honoras lin.

Post S-ro Poses prenis la parolon por honori S-ron Chaler la delegitoj de grupoj kaj gravuloj laŭ la sekvanta vicoordo: S-roj Tur, Ramón Molera, Josep Ventura, Liberto Puig, Patro Casanoves, Miguel Vilagrán, Jaime Aragay, Antonio Bohigas, Josep Masias, Antonio Criach, Vicente Hernández Llusera kaj Giordano Moya, tiu lasta kiel disĉiplo de S-ro Chaler.

Fine la urbokonsilanto S-ro Isidro Vives laŭdis Esperanton kaj la omaĝaton S-ron Chaler kaj aldiris pri la urbestro, kiun li reprezentis, ke li tutkore estas kun ni.

Multajn memoraĝojn pri la omaĝo oni donacis al S-ro Chaler. El ili elstaris gravurita tabulfiguro kun la sekvanta enskribo: "S. C. Juventut Terrassenca, ĝia Esperanto-Fako kaj la Provinca Esperantismo en omaĝo al S-ro Sebastián Chaler Arnau okaze de lia sesdekjara esperantistiĝo".

Amaso da leteroj kaj telegramoj estis ricevitaj pri la okazaĵo. Ni nur mencias, ĉar la listo estas longega, leteron de S-ro Miguel Sancho Izquierdo kaj telegramojn de S-roj Angel Figuerola, Rafael Herrero, Familio Gastón, Urbestraro de Vinaroz, Ĵurnalo de Vinaroz kaj de S-ro Karl Bartel el Graz, organizinto en Aŭstrujo de la alveno al Hispanujo en 1920 de la aŭstraj geinfanoj.

G. M.

---

## *ESPERANTISTA VIVO*

### GEEDZIĜO GUITART - GOMILA

Denove du konataj esperantistoj ligis siajn vivojn. Ĉifoje la informo venis de Barcelona: La Prezidanto de la Esperanto-Grupo "Aŭroro" (Sekcio Esperanto de Fomento Martinense) S-ro José Guitart kaj F-ino Adela Gomila, Sekretariino de sama Esperanto-Grupo, geedziĝis la 3-an de januaro.

Ilia laboro en estraraj postenoj estas pruvo ke ili aktivas en la Esperanto-movado.

Nian koran gratulon kaj plej sincerajn bondezirojn por la nova paro.

## EKSKURSO AL RIPOLL, DE LA FERVOJISTA GRUPO



**La esperantista grupo de Barcelona antaŭ la Monaĥejo Sankta María de Ripoll.**

Unu el la ĉefaj ĝojoj de esperantisto estas ke ĉiujare nia ideo nin kondukas al kongresoj aŭ esperantistaj renkontiĝoj. Multaj el la fervojistaj esperantistoj pro sia laboro, ne havas eblecon partopreni en tiuj kongresoj aŭ renkontiĝoj kaj sekve ili ne povas ĝui esperantan babiladon.

Por ke tio tute ne okazu, H.E.F.A.-estraro ĉiujare organizas unutagan kulturan vizitekskurson al pli aŭ malpli apuda urbo de Barcelona, dum kiu oni povas praktiki la esperantistecon.

Ĉijare la urbo elektita estis Ripoll, ĉefurbo de la Regiono de "Ripollés", antikve ĉefurbo de la tiama Katalunujo kiu ampleksis la regionojn de "Vallespir, Cerdanya kaj Roselló".

Estis la sesa horo, matene de la dimanĉo 12ª de septembro, tago elektita por ĉi tiu ekskurso, kiam sur la kaja perono de la fervoj-stacio "Katalunuja Placo", okdekkvin geesperantistoj renkontiĝis por veturi ĝis Ripoll. Tie atendis nin kelkaj tieaj samideanoj kaj aliaj el Sabadell kaj Tarrasa, alveturintaj aŭtomobile.

Ni vizitis unue la preĝejon de S. Miquel de la Roqueta kiu situas apud la kvartalo de la fervoj-stacio. Je la deka horo, matene, kaj dank' al la lerta kunlaborado de nia samideano Petro Ruiz, loĝanta en Ripoll, ni povis uzi la grandan kaj belan benediktan Monaĥejon Sankta Maria, kiu estas konsiderata la plej grava romanika monumento de Katalanujo kaj unu el la unuaj en Eŭropo, por celebri la Sanktan Meson esperantlingve. Oficis Patro Casanoves kiu akceptis la fervojistan peton akompani nin en tiu sankta servo. Ni ankoraŭ dankas lin pro lia grandanimeco. Kie ajn troviĝas io bona, io vera, io bela, tie Patro Casanoves tre volonte ĉeestas por helpi per sia klera prelegado en Esperanto.

Fininte la meson ni vizitis la Monaĥejon kaj ĝian klostron helpate de elektronikaj gvidiloj kiujn la Turisma Ministerio pruntedonas al la vizitantoj.

Oni devas speciale mencii la interesan viziton al la antikva preĝejo de S. Petro, romanika de la XIIª jarcento, kiu ankoraŭ gardas videblajn restaĵojn de la malnova preĝejo antaŭromanika. En tiu preĝejo, nun fermita al la religia kulto, troviĝas la interesa folklora muzeo kiu enhavas grandan kolekton da tipaj regionaĵoj.



Grupo da geesperantistoj, kiuj vizitis la preĝejon S. Miquel de la Roqueta, de Ripoll.

Post la menciitaj vizitoj, la ekskursantoj estis akceptitaj de la urbestro de Ripoll en la kultura domo de tiu urbo, kie estis instalita ekspozicio de esperantaĵoj. Tie la urbestro bonvenigis nin promesante sian helpon por la disvastigado de Esperanto en sia urbo.

S-no Jiménez, nia prezidanto, dankis al la urbestro lian nunan kaj postan helpon por la estonta E-movado en Ripoll.

Post la interveno de nia prezidanto, S-ro Petro Nuez, instruisto de Esperanto en Klubo de Amikoj de UNESKO, prelegis helpate de lumbildoj, pri la "Monda lingva problemo" kaj montris per klara argumentado la nuran taŭgan vojon por solvi tiun gravan problemon. Tiu vojo estas nia internacia lingvo Esperanto.

En fama restoracio de la urbo, finiĝis la vizito de nia grupo al Ripoll, per frateca manĝado.

JOSE CEREZO PEREZ

## INVITO AL LA 24-a KONGRESO DE I.F.E.F.

En la semajno 6.-12. de majo 1972 I.F.E.F. aranĝos sian 24-an kongreson de Esperanto en la svisa urbo Lugano, kiu jam eldonis prospekton en Esperanto. Aliĝilon kaj provizoran programon petu de: 24-a I.F.E.F.-kongreso, kurt Greutert, CH-6512, Giubiasco Svislando.

En Hispanujo petu informojn de.

Rafael Devís Pascual, str. Sicilia 264, esc. 2/3.° C. Barcelona-13.

Enrique Pérez Estévez, Sarria, 30, zona 17, Madrid-20.

## ESPERANTO-ANGULO EN PORTUGALA ĴURNALO

Ĝoje ni recevis ekzemplaron de la ĵurnalo "República" de Lisboa (Portugalujo) en kiu aperas sekcio titolita "ESPERANTO TRA LA MONDO"; tiu sekcio aperas ĉiu dimanĉo kaj en ĝi oni informas en portugala lingvo pri la Esperanto-movado.

En la numero kiun ni ricevis la informado temas pri la "Unua Feria Esperanto-Semajno" en Bulgarujo kaj la fondo en Sofia de esperantista grupo "Aŭto Esperanto-Klubo"; "Heroldo de Esperanto"; Litova Societo de Amikeco kaj Kulturaj Rilatoj kun Eksterlandoj, kaj, pri la vivo de la Esperanto-Grupoj en Hispanujo.

Gvidas la angulon "ESPERANTO TRA LA MONDO" nia samideano S-ro Virgilio C. Portela, kiun ni dankas kaj gratulas tutkore.

# MODERNA KATALUNA POEZIO

*Jordi SARSANEDAS naskiĝis en Barcelono la jaron 1924-an. Li estas laŭreata poeto, novelisto, tradukisto kaj profesoro. En ĉiu antologio de la nuntempa kataluna poezio oni nediskuteble situigas lin en prestiĝan lokon.*

*La ĉi-suba poemo, LA BENDOSEGILO, verkita laŭ senrimaj liberaj versoj, estas tre karakteriza kaj altvalora, ĉar ĝi estas unu el la plej signifoplenaj de la tiel nomata nuna sociala poezia movado.*

## LA BENDOSEGILO

Jordi SARSANEDAS

La maŝino subite vekiĝas;
dum palpebrumo ĝi jam atingas sian ritmon
kun ĝoja elspiro.
La febraj elitroj de iu giganta insekto
altigas la zumon laŭ rektalinia flugo.
Kaj tiu bruo regas min: ĝi estas kiel fluo ŝtala,
daŭra kaj senonda; ĝi estas absurda sago
konstante videbla en la ĉielo. Kaj la danco komenciĝas:
nupta batalo de iu entomologia rito.
Mi nutras la dentojn de la benda segilo
—tiujn mil dentetojn de vorema kaj obstina tempo—,
kaj miaj manoj, laŭ lantaj ŝultroj,
ludas kun la sago kaj tiu fajra abelo
kiu akordigas sian grincon al lingva gesto.

La maŝino vekiĝas per propra krio.
La metilernanto jam portis al mi lignotabulojn
korekte pridesegnitajn
laŭ renaj formoj, nebulaj krucoj
aŭ trilobaj koroj. La unuan mi metas
sur la gisan maŝinplaton. Eksegante ĝin
mi alproprigas al mi la stridon, kaj mi ĝin
modulas per la poleksoj.
La bendo segas per si mem ĝis kiam inter miaj fingroj
finiĝas ĉiu ellaboraĵo aŭ restas nur peceto
simila al iu misforma longkrura stelo.
Kaj estas tiam, kiam la grinc-kriĉo retrovas libere
la propran spacon.

La bendo segas per si mem. "Estos kromsalajro",
oni diris al mi,
"se ni laboras sufiĉe rapide". La bendo segas per si mem.
En ĝin mi nur metas mian fingran lerteckapablon
atenteman nutri la eĝon de mia persona ŝriko.
La bendo segas per si mem. Trifolioj, renoj, krucoj.
La strido giras ĉirkaŭe de ĉiu prilaborata peco.
La kromsalajro segas per si mem.
Miaj fingroj, for de mi, estas la amantoj de iu abelo.

Tien mi nur portis opakan kaj malluman revon
interne de mia brusto:
molan grumelon el dormemo lit-varmeca.
Mi ne lavis min tre bone ĉi matene,
kaj mia penso disfibriĝas fuĝe.
Miaj fingroj dancas solaj, solene,
kune kun la fekunda kaj mortema abelo!
Kiom da fingroj en ĉiu mano sur la gisa tablo!
La abelo segas la revon.

La naĝema stel', kun orumita bantrikoto,
plonĝadis meze de la blua akvo.
La abelo konturas ĝiajn brakojn kaj ŝvelan bruston,
kaj elsegas ĝiajn krurojn.

Mi edziĝos, ho jes, sed mi ne scias pro kio.
Mi ne scias kial ŝi plaĉas al mi.
Kaj ni loĝos tie, en la alto, meze de homamaso,
sed, malgraŭ ĉio, ho! ni devos senti nin bonŝancaj.

Mi ja ne plu povos iri al la drinkejo.
Eble mi kromlaboros en mia propra hejmo.
Trifolioj, renoj kaj koroj. Mi vendos brullignon.
Iun dimanĉon ni eliros promene
ne bezonante kompanojn.
Segu, segu, segu.

La kriĉado ne estas mia, kaj ĝi segas mian bruston,
la kantojn de Clavé (*) kaj la lastan "mambo"n,
kaj ĝi malvigligas min, iom post iom, arbon post arbo,
ĝis la veno de l' tagmezo,
por povi lasi min tute sola meze de stranga silento,
kaj por ke mi povu paŝi nefirme ĝis la elirejo.

El la kataluna tradukis:
Gabriel MORA i ARANA

(*) Josep-Anselm CLAVE (1824-1874), diletanta komponisto, fama kreinto en Katalunujo de agemaj laboristaj ĥoroj, kiuj ankoraŭ nun plenumas efikan socian kaj artan taskon de interfratiĝo.

---

## PREMIO «CIUDAD DE BARCELONA»

Unu plian fojon ni devas gratuli al nia kara samideano kaj amiko, la kataluna poeto, S-ro Gabriel Mora i Arana.

Ĉifoje, estas la Premio "Ciudad de Barcelona", kiun li atingis por sia verko "Amb la ma esquerra" ("Per la maldekstra mano"), kolekto konsistanta el 25 poeziaĵoj. Per unu el tiuj poeziaĵoj de la kolekto, la poeto konfesas sian esperantistecon.

La Premio "Ciudad de Barcelona" starigita por premii la kulturajn valorojn same en la kataluna kiel en la hispana lingvoj, estas pro sia signifo unu el la plej gravaj Premioj. Oni disdonas Premiojn "Ciudad de Barcelona" al diversaj branĉoj. La ĉijara premio por Kataluna poezio estas kiun ricevis nia samideano S-ro Mora i Arana, al kiu ni gratulas plej kore.

## FRANCA-HISPANA ESPERANTISTA RENKONTIĜO

Organizita de niaj francaj gesamideanoj la ĉijara franca-hispana esperantista renkontiĝo, okazos en Pau (Francujo) la 6-an kaj 7-an de majo 1972.

Informas en Hispanujo: H.T.E.S., ĉe Inés Gastón, P.º Marina Moreno, 35, Zaragoza.

# MANUEL TARIN GOMEZ

Pasintan 2-an de decembro forpasis en Cheste (Valencia), nia samideano S-ro Manuel Tarín Gómez, kiam li aĝis 37 jarojn.
Aktiva membro de la Grupo Esperantista "Lum-radio" de Cheste, li estis tre konata de la hispana samideanaro pro sia partopreno en diversaj kongresoj.
Kun granda surprizo kaj aflikto ni recevis la informon pri tiu morto, kies sciigo tutcerte kortuŝos al ĉiuj esperantistoj, kiuj havis okazon interkonatiĝi kun li.
Ke li pace ripozu!
Por lia familio kaj por la Grupo Esperantista "Lum-radio de Cheste, nian plej sinceran kondolencon.

# FRANCISCO PIÑOL MAGRANE

Kun profunda bedaŭro ni informas pri la forpaso en Barcelona de sindona esperantisto, S-ro Francisco Piñol Magrané, kiam li estis 81-jaraĝa.
Li estis esperantisto de la jaro 1910a kaj ĝis la jaro 1954a, kiam li malsaniĝis pro apopleksio, li estis unu el la plej aktivaj membroj de la hispana Esperanto-movado. Li apartenis al la grupo de iniciantoj de tiuj "Diskutantaj Kunvenoj de Esperantistoj de Iberiaj Landoj", kiuj estis bazo de la Hispanaj Kongresoj de Esperanto; ankaŭ li partoprenis en la organizado de Kongresoj de la Kataluna Esperantista Federacio. Dum pluraj jaroj li postenis la Delegitecon de UEA en Barcelona.
Malgraŭ sia grava malsano, kiu igis lin invalida, li sukcesis sufiĉe bone, skribi per la maldekstra mano, kaj ĝis la lastaj momentoj de sia vivo li interkorespondis en Esperanto kun geamikoj kaj samideanoj kaj interesiĝis pri la Esperanto-movado.
Pacan ripozon al li!
Por lia familio nian sinceran kondolencon.

# PELAYO MORENO FERRER

La 31-an de decembro mortis en Madrid, pro akcidento, nia kara samideano kaj amiko S-ro Pelayo Moreno Ferrer, en sia 80a jaro.
Esperantisto de la jaro 1925, multe aktivis en la hispana Esperanto-movado, kaj daŭre laboradis por disvastigi nian noblan idealon. Lia seriozeco kaj simpatio kaptis la animon de ĉiuj personoj konantaj lin, kio tre faciligis lian prozelitisman laboron. Lia morto lasas grandan malplenon inter la madridaj esperantistoj.
Pacan ripozon al li!
Por lia familio, speciale por lia vidvino, S-ino Carmen San Sebastián nian plej sinceran kondolencon.

# PEDRO DE ICAZA Y GANGOITI

Ĵus ni estis informitaj pri la morto en Bilbao de elstara esperantisto, Lia Moŝto S-ro Pedro de Icaza y Gangoiti, Markizo de "Casa Icaza", kiam li aĝis 71 jarojn.
Esperantisto de la jaro 1920, li multe laboris por disvastigi Esperanton, lingvon kaj ideon. En 1924 li organizis kaj prezidis la IV-an Diskutantan Kunvenon de Esperantistoj de Iberiaj Landoj; de tiam, tiuj kunvenoj nomiĝas: Hispanaj Kongresoj de Esperanto.
La morto de S-ro de Icaza estas forta bato por la Grupo Esperantista de Bilbao, kiu perdas unu el siaj plej elstaraj membroj, kiu ĉiam estis preta por helpi ĉies laboron favore al Esperanto.
Pacan ripozon al li!
Por lia familio kaj por la Grupo Esperantista de Bilbao nian plej sinceran kondolencon.



# REAPERO DE «RETORIKO»

(Tria Eldono)

Ne estas mia intenco skribi kvazaŭ recenzan artikolon pri tiu ĉi libro originale verkita en Esperanto de Prof. Dro. Ivo Lapenna. Mi ne min konsideras kapabla por tion fari; krome, ĉiuj malnovaj samideanoj konas ĝin kaj por la ĵus bakitaj esperantistoj, la nomo de la aŭtoro estas garantio pri la kvalito de la verko. Sed, mi deziras atentigi al la esperantistoj pri la bezono atente tralegi kaj studi la libron se ni deziras bone lerni la lingvon kaj ĝin uzi.

Bone paroli, —ne nur oratori—, estas arto, kaj ni devas klopodi ke nia lingvo-nivelo estu kiel eble plej alta kaj nia stilo plej internacia.

La libro estas dividita en du partoj: I. Lingvo, II. Retoriko, kaj aldono de kvin paroladoj. Sed vera suplemento de "Retoriko" estas la libro "Elektitaj Paroladoj kaj Prelegoj" de sama aŭtoro. Ie mi legis:

Por kompreni pli bone la esencon de la lingvo kaj la arton argumenti por justa afero: RETORIKO!

Por lertaj esperantistoj dezirantaj ĝui elegantan, vere internacian stilon: RETORIKO!

Por komencantoj strebantaj altigi sian lingvonivelon: RETORIKO!

Por superaj kursoj kaj studrondoj, por seminarioj kaj prelegoj: RETORIKO!

Por donacoj al geamikoj kaj al laborantoj por la Internacia Lingvo, precipe en landoj, el kiuj la libroj ne estas mendeblaj: RETORIKO!

POR ĈIU ESPERANTISTO: RETORIKO!

Sed, kion fari, se oni jam posedas la unuan aŭ la duan eldonon? "Facile: Ni estas en la jaro de la Internacia Libro; donacu tiun al la loka Biblioteko kaj aĉetu la novan".

Kaj nun, mi aldonas: Por ĉiuj, kiuj deziros ĝui la inspiran vervon de vera artisto: Krom RETORIKO!, ankaŭ: ELEKTITAJ PAROLADOJ KAJ PRELEGOJ!

Jen peco elektita el "Retoriko":

FORTO - (paĝo 108)

La Internacia Lingvo povas aspekti "nenatura" nur al la homoj, kiuj ne regas ĝin aŭ ne scias ĝin kontentige. Sed tiaspecan "nenaturecon" havas ĉiu ajn lingvo, kiam ĝi estas aŭdata aŭ legata de persono, kiu ne konas ĝin. La nederlanda lingvo sonas terure "barbare" al la germana orelo. Kaj inverse. Nur, kompreneble, oni tion ne kutimas diri pri la naciaj lingvoj, dum pri la Internacia Lingvo kiu ajn duonklera ulo sen ruĝiĝo aŭdace kuraĝas doni sian altan opinion! Estas plej interese, ke tiaj personoj ofte tute nekontentige scias sian propran nacian literaturan lingvon kaj tial ne povas konscii kiel barbare ĝi sonas el ilia buŝo aŭ aspektas en ilia skribo.

Oni, fine, komprenu, ke la Internacia Lingvo estas tiel "artefarita", kiel ĉiuj ajn nacia lingvo (113), se sub tiu absolute maltaŭga esprimo, kiam ĝi estas aplikata al la lingvo, oni komprenas "kreata de la homo". Sekve, se, parolante pri la angla, franca aŭ aliaj lingvoj, oni ne donas al ili la epiteton de "artefarita" aŭ "helpa" aŭ kiun ajn alian, kial oni faris tion parolante pri la Internacia Lingvo, se ne por, intence aŭ ne, elvoki superfluajn konfuzon kaj miskomprenon?

.....................................................................

(113) En sia verko *Lekcioj pri la Lingvoscienco*, cit. sub (23), Max Müller diras: «Tio, kion ni kutimas nomi lingvoj, nome la literaturaj idiomoj de Grekio, Romio, Hindio, Francio, Hispanio... estas prefere konsidereblaj kiel artefaritaj ol kiel naturaj formoj de la parolo. La natura vivo de la lingvo efektiviĝas en la dialektoj» (p. 49).

*Unu plian fojon la hispanaj esperantistoj festis la datrevenon de la naskiĝo de D-ro Zamenhof. Niaj samideanoj raportas pri la diversaj festoj kaj festetoj honore de nia Majstro.*

BARCELONA

La 18-an de decembro en "Esperanto-Departamento Club Amigos de la UNESCO", oni organizis kunvenon omaĝe al D-ro Zamenhof, kaj prezentis Libro-Ekspozicion kaj Vivan Gazeton.

Dum tiu kunveno, kiun partoprenis grandnombre la barcelonaj esperantistoj, oni pritaktis la vivon kaj diversajn travivaĵojn de la kreinto de la Internacia Lingvo "Esperanto".

BILBAO

Brilaj, sendube, rezultis la aranĝoj lastjaraj de la Esperanto-Grupo de Bilbao.

Unue, ni havis la grandan ĝojon ĉeesti la anoncitan teatraĵon de nia eminenta samideano S-ro Julio J. Juanes Sáinz, kies titolo estas: "Kiam Karla alvenis". Facilan fluan, bonstilan lingvon oni povis aŭskulti kaj interesajn, aŭdacajn kaj... modernajn okazaĵojn. Mi ne scias kion pli admiri: Ĉu la fluan, klaran lingvon aŭ la majstran prezentadon de la rolantoj kiuj, sub la sperta direktado de nia samideanino María del Carmen Navarro mirinde rolis. María del Carmen Navarro mem, kiel "Karla", S-ro Fariñas kiel problemoplena edzo kaj misestimata, laborema komizo de tre grava usona Entrepreno. Kaj, kion diri pri F-ino Iziar Arteche Urrutia kiu mirinde rolis kiel trompita kaj ne naskopova edzino? Bonege rezultis la prezentado, kaj mi esperas ankoraŭ havi novan okazon aŭskulti ĝin kaj eĉ ne unu vorton perdi, ĉar en la unua parto de la verko, kaj nur je la komenco, la rolantoj, precipe S-ro Fariñas, iomete tro rapide parolis, sendube pro nervumeco. Mi denove diras ke mi esperas ke tia okazo sin prezentos antaŭ venonta monato marto por konstati, denove, kion oni povas esprimi per nia klara kaj esprimoriĉa internacia lingvo.

Mardon, la 14-an decembro, ni povis ĉeesti ankaŭ la hispanlingvan prelegon de F-ino Encarnación González pri "La hodiaŭa virino kaj Esperanto", kies prelego estis sekvata de la t. n. "Kolokvo", pri la eldiritaj ideoj de F-ino González, ne absolute akceptataj de la ĉeestantaro.

Merkredon, la dekkvinan, ni ankaŭ havis tre interesan komparadon inter la lingvoj hispana, franca, angla, germana kaj Esperanto. Krom nova samideano S-ro Martín, partoprenis en la lingva komparado F-ino Iziar Arteche, tre sperta pri la franca lingvo, kaj germana nova samideanino, nun partoprenanta la kurson de Esperanto. Ŝi estas F-ino Fritzie, kiu ĉarmis nin, ne nur per sia juneco, ĉarmo kaj simpatio, sed ankaŭ per la sperta ludado de akordiono, nuntempe lernata de ŝi. La komparado rilate la anglan lingvon estis sub la prezentado de S-ro Martín, kiu instruis nin, i. a. pri "she cat" kaj "he cat" por esprimi la vortojn "katino" kaj "kato".

Ĵaudon, la 16-an, ni povis aŭskulti la prelegon de S-ro Julio J. Juanes Sáinz pri "Evoluo de Esperanto kaj Esperantismo". Interesajn, modernajn kaj klarajn ideojn li eldiris, kun kiuj mi ne plene konsentas, sendube pro mia jam tro alta aĝo kaj tradiciemo. Mi akceptas, sendube, ĉiujn novajn ideojn kiuj povas esti utilaj por la disvastiĝo kaj finfina venko de Esperanto, kies sukceso ne estas antaŭvidebla almenaŭ dum jardeko, sed... mi restas ankoraŭ, kaj esperas resti ĝis mia forpaso, fidela Zamenhofano kaj super ĉio homaranisto kaj ano de la t. n. "interna ideo". La "interna ideo" - laŭ mi, ankoraŭ ludas, kaj devos ludi en la estonteco, gravan rolon ne nur en la esperanto-



movado mem, sed ankaŭ en la propagando antaŭ idealismaj, religiaj, homaranaj kaj spiritismaj movadoj, kies movadoj estas ankoraŭ hodiaŭ la nuraj kiuj povas atenti pri la disvastigo de komune homa, racia, neŭtrala, klara kaj belsona internacia lingvo. Ni tute ne preteratentu pro tio komercon, turismon, k.t.p., sed ni restu ĉiam fidelaj al la "interna ideo".

Vendredon, la 17-an, ni havis liberan tagon pro la neebleco de F-ino Ozaita partopreni kiel ludantino en la anoncita koncerto. Do, ĝi estis bona tago por iomete antaŭenigi nian profesian prokrastitan laboron, sed...

Sabaton, la 18-an, ni havis la "Tago de l' Juneco", kun partopreno de kelkaj gejunuloj, ankoraŭ infanoj, sub la direktado de la Prezidanto de H.E.J.S., samideano José Fariñas. Inter la infanoj kiuj prezentis legaĵojn estis nun lernanta junuleto, filo de nia nova samideano kaj membro de la Direktanta Komitato de nia Grupo S-ro Benedicto.

Finfine, dimanĉon, la 19-an, ni havis Meson en Esperanto kun partopreno de ĉ. 40 gesamideanoj. Jes, je la 11ª matene kaj en speciala, aparta Salono de la Paroĥejo de Santiago, ni havis en Bilbao la trian aŭ kvaran Meson en Esperanto. Sed ĉiokaze ni povas diri ke ĝi estis, efektive, LA UNUA, TUTE EN ESPERANTO kaj oficata, ne okaze de Nacia Esperanto-Kongreso, kiel okazis jam du-trifoje antaŭe, sed ĝi okazis nur okaze de la festoj honore al nia mortinta Majstro Zamenhof, la iniciatinto de Esperanto. La Meso estis kuncelebrata de Pastro Irala, S. J. kune kun malnova lernanto de Esperanto Pastro D. Constantino Velasco, lerninta Esperanton sub la direktado de la subskribinto jam antaŭ dekses jaroj, proksimume. Nun ĉi tiu Pastro estas Paroĥestro de "La Asunción", Paroĥejo de la ĝardenurbo, en Bilbao.

Krom la legado de la leteroj de la foriranta Apostola Administranto kaj Episkopo Monsinjoro Cirarda Lachiondo kaj tiun de la nove nomita Episkopo Monsinjoro Añoveros Ataun, ĈIO ESTIS EN ESPERANTO: Evangelio, homilioj... k.t.p., sub la lerta direktado de nia sperta samideano S-ro Delfín Ronda, bone konanta la lingvon. Post adiaŭo, pro urĝantaj devoj, de Pastro Constantino Velasco, Pastro Irala, S. J., akompanis nin en la Grupejon por iomete partopreni la jam preparitan "lunĉon". Li diris —inter alie— ke li lernis Esperanton, samtempe kun sia frato nun evangeliiganta en Azio (Insulo Formosa) kiam ili ambaŭ estis dek-du jaraj infanoj.

Ĉirkaŭ la 14,30 h. posttagmeze, ni iris en Restoracion "Urkia", kie ni jam havis tute preta bone preparitan interfratigan tagmanĝon... kiu daŭris ĝis la 18,30 aŭ 19ª h. De la Restoracio ni iris denove, en la Grupejon kie ĉefe la gejunularo, dancis kaj muzikis, trinkis refreŝigajn trinkaĵojn... k.t.p. Bedaŭrinde, mi tre baldaŭ forlasis la Grupejon por atenti pri miaj profesiaj laboroj.

Domaĝe kaj tre bedaŭrinde estis la nepartopreno de nia tre entuziasma samideano S-ro Angel Bolaños Martínez, estinta Komitatano de la Esperanto-Grupo de Bilbao, bone rememorata de ĉiuj partoprenantoj en la aranĝoj de la semajno. Li, definitive forlasis niajn vicojn antaŭ unu jaro, kiam li estis ankoraŭ laborkapabla kaj juna persono. Lia spritemo kaj bonhumoro estis ofte rememorataj dum la festoj kiujn plejparte povis partopreni la edzino kaj filino de la kara forpasinta amiko.

L. de O.

MADRID

La estraro de Hispana Esperanto-Federacio organizis du publikajn prelegojn, okaze de la Tago de Zamenhof.

La 15-an de decembro en la "Centro de Instrucción Comercial e Industrial", nia kompetenta samideano S-ro Félix Díez Mateo prelegis hispanlingve pri la temo: "Necesidad de una lengua internacional auxiliar neutral y el Esperanto". La publiko, kiu atente sekvis la disertacion premiis la preleganton per longa aplaŭdado.

La 20-an de decembro, en "Club de Amigos de la UNESCO", oni aŭdigis prelegon de S-roj Angel Figuerola kaj Raimundo Ibáñez, Prezidanto kaj Vicprezidanto de H.E.F. respektive, pri la temo: "El Esperanto" (Idioma Universal).

La prelego baziĝis sur tri punktoj: I. "Necesidad de una lengua auxiliar universal" (Bezono de helpa universala lingvo); II. "El por qué del Esperanto sobre otras lenguas" (Pro kio Esperanto anstataŭ aliaj lingvoj); III. "Su divulgación y forma en que esta se lleva a cabo" (Ĝia diskonigo kaj informado).

La prelegantoj prezentis tre interesan kaj dokumentitan studon pri la anoncita temo, kaj la ĉeestanta publiko premiis la laboron de niaj samideanoj per longa aplaŭdado.

SABADELL

La 19-an de decembro en la aŭditorio de Radio Sabadell okazis la nunjara Zamenhof-Festo de "Centro de Esperanto Sabadell" dediĉita al la omaĝoj de D-ro Zamenhof kaj la Esperanta libro.

S-ro Liberto Puig, Prezidanto de "Centro de Esperanto Sabadell", salutis la ĉeestantaron kaj reliefigis la daton 15-an de decembro kiel omaĝon al D-ro Zamenhof pro lia naskiĝdato kaj ankaŭ por la Esperanta libro.

S-ro Puig sciigis, ke nunjare la multenombraj kursanoj de Esperanto tre alte sukcesis en la ekzameno pri kapableco, kio tre kontentigas lin.

Oni vokis la lernantojn, unu post la alia, por disdoni la diplomojn kaj librodonacon.

S-ro Joan Sala kiel delegito de la Sekcio "Rondo de Esperantistaj Libro-Amikoj" disdonis la librojn al la kunlaborantoj: 78 ekzemplerojn, kiuj kostas 8.900 pesetojn. Tio atestas pri la graveco kaj aktivado de R.E.L.A.

S-ro Criach transdonis salutojn nome de Amikoj de U.N.E.S.C.O.



ro. Gumá liveras diplomon al Sabadell-a lernantino. kstre sidas s-ano Santiago Torné (Sator), kunordiganto de la Esperanto-dissendoj en «Radio Sabadell»

Sekve S-ro Salvador Gumá prelegis pri "Esperanto en la Praktiko".

S-ro Gumá, post la salutvortoj, atentigis la gelernantojn, kiuj en tiu ĉi kurso tiel sukcesis en la lernado, pri tio: Post la lerno; kion fari? Unue, eble al iu el vi ŝajnos, ke la lingvo Esperanto ne ekzistas. Certe ni havas grupojn, sed el ekstere ŝajnas, ke ili ne ekzistas, kvazaŭ ili nur estus makuloj en la socio.

"Ni devas pruvi, ke Esperanto ekzistas". S-ro Gumá rakontis kelkajn anekdotojn, kiujn li travivis antaŭ kvardek jaroj. "Tiam du junaj lernantoj miaj vizitis dancejon, kaj ambaŭ komentis en Esperanto (por eviti ke oni komprenu) iom spice ne nur la ĉarmon de iu bela fraŭlino tie sidanta, sed ankaŭ la nedireblajn dezirojn. Subite, iu viro apude staranta, alparolis ilin en Esperanto: "Amikoj, gardu vin de malbonaj pensoj, ĉar mi estas ŝia patro". Vi povas imagi ilian konfuziĝon!

Mi instruis Esperanton en Societejo de str. Moncada en Barcelona. Ĉar tiun ĉambron oni uzis ankaŭ por teatra fako, ni devis fini la klason je la konsentita horo, akurate. Unu tagon, pli ol akurate eniris la gvidanto de tiu fako, kaj mi diris laŭte al gelernantoj: —Nu, ni devas ĉesi, ĉar tiu... Sinjoro forpuŝas nin—. Mi paŭzis post tiu... ĉar mi ekintencis diri Azeno. Imagu mian konsterniĝon, kiam mi aŭdis lian saluton en Esperanto: —Bonan vesperon, mi ankaŭ lernis Esperanton!—. Laŭŝajne ne ekzistas esperantistoj, sed en la tuta mondo oni povas renkonti ilin.

"La praktikon oni devas fari mem, same kiel la movon oni pruvas paŝante. La lernantoj devas plu studi kaj aliĝi al la movado. Kiel forgesiĝas la muziko se oni ne praktikas ĝin, simile forgesiĝas Esperanto. Se oni nur scias diri bonan tagon; tio ne estas lingvo. Se oni ne kapablas pensi sen tradukado, se oni ne povas atingi fluecon, la lingvo ne plaĉas. La ĝuon oni trovas poste, kiam oni jam kapablas pensi en la lingvo Esperanto."

"Oni devas praktiki la lingvon. La movon oni faras movante. Kiam mi estis juna, mi promenis posttagmeze kun lernantaj kamaradoj, portante vortaron en la poŝo por tuj lerni la necesajn vortojn kiujn ni bezonis, ĉar la tutan posttagmezon ni babilis en Esperanto (5-6 horojn). Mi estis laborlernanto, kaj multajn notojn, mezurojn, k.t.p. mi faris en Esperanto. Mi ankoraŭ konservas ilin."

"Rilate al la vojaĝado mi devas diri, ke se mi ne scius Esperanton, mi ne

kuraĝus. Mi iris Parizon. Sed mi iris rekte al esperantisto, kiun mi konis per korespondado. Li akceptis min kaj klopodis havigi laboron al mi."

"En la Grupo de Parizo oni parolis france. Post mia alveno koincidanta kun tiu de juna hungaro kaj du junaj hispanoj, ĉiuj parolis en Esperanto."

"Estis en Parizo multaj nacianoj. La diversnaciaj esperantistoj renkontiĝis en la samaj lokoj. En la gastejo, ĉirkaŭ la tablo, ni manĝis kaj diskutis, eĉ disputis kun komunisto, kiu ne toleris, ke oni opiniu alie ol li. Ĉar ni bruis sufiĉe, kliento demandis (evidentiĝis poste ke li estas ĵurnalisto) pri nia nacieco. Kiam li eksciis, ke tiu deko da parolantoj estas diverslandaj, ke ili uzas Esperanton, li mirigate vigliĝis kaj proponis al ni prizorgi la publikigon de niaj komunikoj en la gazetaro, kio fakte okazis. La praktiko de Esperanto faras tion."

Mi iris al Vieno en 1925 okaze de la Kongreso de S.A.T. kaj la lingvo Esperanto multe helpis min, ĉar ankaŭ mi loĝis ĉe esperantisto. Nur Esperanto donas tiajn rezultojn."

"Post la Kongreso mi iris per ŝipo de Vieno al Budapeŝto. Estis en la monato Aŭgusto. La ŝipo malrapide iradis kaj la vojaĝo daŭris dekdu horojn. Jam vesperiĝis, kiam la ŝipo atingis Budapeŝton kaj ni povis vidi fantaste iluminata la imponan konstruaĵon de la Parlamento. Dum la vojaĝo starante sur la ferdeko kun geesperantistoj revenantaj de la Universala Kongreso en Svisujo, ni aŭdis esperantistajn kantojn ie, malproksime. Efektive, la postan tagon oni diris, ke tie kampadis la Budapeŝtaj samideanoj. Sur la ferdeko, unu el la fraŭlinoj volis scii mian landecon, suspektante ke mi estas hungaro. Ĉar mi ŝerce povis mistifiki, aludante la mienon, la prononcon, k.t.p., ŝi ekhavis ideon: —Eklegu!— ŝi diris montrante hungaran gazeton. Senĝene mi legis fluete kun iaj neeviteblaj misprononcoj. Ŝi rebatis: —Jen, kiel ruza li estas! Li legas fuŝe por pruvi ke li ne estas hungaro!— (Mi estis iom lerninta antaŭe, la legadon de la hungara). Esperanto estas vera vivo."

S-ro Gumá montris diversajn donacojn, kiujn li ricevis de diversaj esperantistoj.

"Tia estas la valoro de Esperanto en la praktiko", li diris.

Ankaŭ, S-ro Gumá diris al la lernantoj, ke ili memoru la jarlibron de U.E.A. Tie troviĝas grandnombra listo de delegitoj. Neniu alia asocio havas tiom da delegitoj apartenantaj al la tuta mondo.

S-ro Gumá finis sian prelegon asertante: "Mi mem pruvis per mia parolado la praktikecon de Esperanto. Per la rakontado, ĝian humanan valoron kaj per la jarlibro de U.E.A., ke ĝi estas vasta".

"Lernantoj ne haltu; estu pretaj sur la vojo."

Varmaj aplaŭdoj sekvis la paroladon de S-ro Salvador Gumá.

S-ro Giordano Moya kiel ano de la Patronaro de la "Fundación ESPERANTO" publike sciigis la verdikton de ties juĝantaro kaj gratulis la premiitojn S-ron Salvador Gumá Clavell, de Reus, Premio "Fundación Esperanto" kaj S-ron Vicente Hernández Llusera, de Sabadell, Premio "Sancho-Rebullida".

Gelernantoj de la nuna Esperanto-kurso kaj infanoj bonege ludis kun perfekta prononco amuzajn skeĉojn, nome: "Mirakla akvo" de G. Riisberg; "La kudrilo", de Faulhaber; "La porko", de G. Riisberg; "Karulo", de Zora Heide kaj "La tri juĝistoj".



S-ro Giordano Moya, membro de la Patronaro de «Fundación ESPERANTO» gratulas al S-roj Salvador Gumá de Reus kaj Vicente Hernández Llusera de Sabadell, pro iliaj atingitaj premioj.

Sekve, nia kataluna samideano, ĉina profesoro magiisto Ra-i-Mon Ŝik tre lerte kaj alloge distris la ĉeestantaron per surprizaj magiaĵoj kun la helpo de niaj geknaboj esperantistoj.

Tiel, ĝoje kaj gaje finiĝis la nunjaraj omaĝoj al D-ro Zamenhof kaj al la libro en Esperanto.

En proksima restoracio ni ĝuis la regalon de vermut-trinko kaj sekvantan fratecan kunmanĝadon.

Esperante la 1972-an Sabadell Zamenhof-Festo...

G. M.

SANTANDER

La esperantistaro el Santander ankaŭ celebris la naskiĝon de la iniciatoro de Esperanto, D-ro Zamenhof. Ĵurnalo "Alerta" aperigis en tiu dato intervjuon kun P. Zulueta, S. J., kiu respondis diversajn demandojn pri nia internacia lingvo.

Mi devas aparte mencii ke P. Adrián Zulueta, konata antropologo kaj filologo, venis de sia restadejo en Loyola (Guipúzcoa) nur por celebri en nia urbo kun nia akompano la datrevenon de D-ro Zamenhof.

Vespere la 15-an ni kunvenis por omaĝi la memoron de la Majstro. Ĉeestis la kunvenon ĝuste 36 gesamideanoj. Dum la kunveno estis parolado de nia gasto P. Zulueta hispanlingve. Li traktis la problemon de lingvo internacia kaj ĝenerale pri Esperanto. Li citis kelkajn gramatikajn avantaĝojn kompare kun aliaj eŭropaj lingvoj kaj menciis diverslingvajn verkojn pri divers-specaj projektoj de lingvo internacia. Ankaŭ li traktis la lingvan problemon dum la vojaĝo de Papo Paŭlo, la VI-a, tra Azio kaj parolis pri la multdiverseco de lingvoj kaj dialektoj en tiu kontinento. Fine, li diris kelkajn vortojn pri la esperantista movado en nia lando kaj, pri la laŭ li, preskaŭ neekzistanta propagando naciskale. Poste, en agrabla amuza etoso, ni ĝuis diversajn manĝaĵojn kaj trinkaĵojn.

J. A.

VALENCIA

Kiel kutime, la valencia esperantistaro festis tiun memorindan tagon per notindaj faroj, kiujn la gazetaro kaj la radioelsendoj reliefigis.

La 15-an de Decembro, la lernantaro kaj multaj samideanoj aŭskultis klarigon pri la vivo de Zamenhof kaj liaj lingvaj kaj moralaj agoj.

La 18-an, preskaŭ cento da samideanoj kuniĝis en centra restoracio, por gaje kaj amike festi la memorindan eventon per frata vespermanĝo. Ĉiokaze, oni omaĝis du valenciajn samideanojn, nome: Mikaelino Malón, vigla kaj simpatia parolantino de la plurjara sekcio "Esperantista Mikrofono", kaj Mikaelo Saballs, nia kasisto, kiu, de kelkaj jaroj, semas Esperanton senlace en la apuda vilaĝo Aldaya, kie li organizis altvaloran ekspozicion de diversaj esperantaĵoj, kiuj bone efikis, ankaŭ en la najbara vilaĝo Alacuás.

La meritoj de la du omaĝitoj estis lirike emfazataj de nia simpatia kaj elokventa samgrupano Vincento Lleonart, kiu estis dense aplaŭdata.

D-ro Herrero, per tre mallongaj frazoj konfirmis la dankemon de la valencia esperantistaro al la du gesamideanoj, kion ankaŭ poste faris la Prezidento de la Grupo, sam.° Johano Devís, kiu tre bele reliefigis la viglecon kaj senlacecon de la honoraj gastoj.

Ĉar samtempe, la instruisto sam.° Felikso Navarro devis ricevis atestilon kaj premion "Francisco Máñez", pro la senlaca kaj fruktodona poresperanta instruado al siaj lernantoj, la fino de la festo estis ege emociiga.

Sekvantan dimanĉon, la 19-an, multaj samideanoj partoprenis la Meson, memore de la forpasintaj samideanoj, dum ĝi, la infanĥoro, gvidata de S-ro F. Navarro, interpretis multajn religiajn kantaĵojn en Esperanto. Poste, oni aliris la straton D-ro Zamenhof, kie la strattabulo kun la busto de la Majstro ricevis belan laŭrokronon, dum la multnombraj samideanoj kantis "La Espero-n".

Kiel kutime, tuj poste oni vizitis la tombojn de konataj gesamideanoj, kiuj ricevis dafnan branĉeton, kiel atestilon de daŭra memoro.

Cirano

VALLADOLID

Kiel tradicie, la Grupo "Fido kaj Espero" festis diversmaniere la 112-an datrevenon de la naskiĝo de D-ro Zamenhof, genia kreinto de Esperanto.

La 18-an je la 8-a vespere, kaj en la granda salono de nia nova sidejo, D-ro Gil Contreras parolis en la internacia lingvo pri la temo "Esperanto kaj Turismo" kaj klarigis al la multnombra ĉeestantaro kiel ununura lingvo internacia estas sufiĉe por vojaĝi tra la mondo. Sekve, S-ro Cantalapiedra parolis hispane, pri la interna ideo de Esperanto. Ambaŭ estis longe aplaŭdataj.

Dimanĉon, la 19-an, je la 12-a horo kaj en la Kapelo de Kolegio "La Salle", Pastro Jonás Castro Toledo mesofaris en Esperanto kaj la tuta ĉeestantaro fervore respondis ankaŭ en la lingvo internacia.

Je la 13-a horo, en la sidejo de la Grupo oni gustumis aperitivon kaj fine kelkaj gesamideanoj partoprenis fratan bankedon.

Ĉeestanto

ZARAGOZA

Kiel ĉiujare, kaj kiel ĉiujare, ĉiam kun renovigita entuziasmo, la esperantistoj de Zaragoza solene kaj frate festis la datrevenon de la naskiĝo de D-ro Zamenhof.

La 15-an de decembro ĉiuj ĵurnaloj kaj radio-stacioj de Zaragoza anoncis la eventon.

Vespere, invitita de "Frateco", la Zaragoza-esperantistaro kunvenis en la sidejo de nia asocio. Granda entuziasmo regis dum la kunveno; entuziasmo, kiu kulminis kiam post kelkaj vortoj de nia Prezidanto, D-ro Sancho Izquierdo pri la signifo de la festo, la Sekretariino de la Patronaro de "Fundación ESPERANTO" legis la verdikton de la Literatura Konkurso organizita de la Fonduso.

S-ro Miravé per emociaj vortoj dankis al ĉiuj iliajn gratulojn kaj bondezirojn por pliaj atingoj.



La Prezidanto D-ro. Sancho Izquierdo anoncas la verdikton de la Literatura Konkurso.

D-ro Sancho Izquierdo nome de la Patronaro de "Fundación ESPERANTO" anoncis ke la oficiala diskonigo en Zaragoza de la verdikto de la Literatura Konkurso okazos la 18-an vespere en la Institucio "Fernando el Católico" dum la publika aranĝo.

Tuj sekve, la ĉeestantoj estis regalitaj de "Frateco" per diversaj manĝetoj kaj hispana vino. La gajeco kaj simpatio de la gejunuloj plenigis "Fratecon" per ridoj kaj ŝercoj kaj ĉiuj tostis por la triumfo de Esperanto.

La 18-an vespere, kiel tradicie, okazis publika aranĝo en plenplena salono de Institucio "Fernando el Católico" en la Provinca Palaco.

Ĉijara preleganto estis D-ro Fernando De la Puente, Prezidanto de K.E.H.A. kaj de la Esperanto-Fako en "Casa Catalana".

Temo de la prelego: "Zamenhof-Esperanto".

Prezidis la Prezidanto de "Frateco" D-ro Sancho Izquierdo, al kiu akompanis ĉe la Prezida tablo, S-ro Víctor Ortiz, estrarano de H.E.F., F-ino Inés Gastón, Prezidantino de H.T.E.S. kaj D-ro De la Puente.

D-ro De la Puente per sia karakteriza parolstilo, simpla, klara kaj konvinka, prezentis la personecon de D-ro Zamenhof, kaj lian verkon reliefigante kaj informante pri la plej interesaj punktoj, tiagrade, ke, eĉ por la jam maturaj esperantistoj la prelego estis vera leciono. Je la fino, D-ro De la Puente, kiu estis varme aplaŭdata, devis respondi diversajn demandojn de la neesperantista publiko, kaj oni disdonis plurajn ekzemplerojn de la broŝuro "Bazaj faktoj pri la Internacia Lingvo (Esperanto)" (Hispana eldono), de la faldfolio por universitatanoj, 6-lingva, kaj de la ankaŭ ses-lingva faldfolio (ĝenerala informilo) ambaŭ eldonitaj de UEA.

Tuj sekve, D-ro Sancho Izquierdo nome de la Patronaro de la "Fundación ESPERANTO" klarigis la celon de la Fonduso kaj ĝiajn konkursojn kaj petis de la Sekretariino, ke ŝi publike legu la verdikton de la Literatura Konkurso. Tondra aplaŭdado substrekis la nomon de S-ro Miguel Miravé, kiu atingis la unuan premion, kaj kiun li ricevis en tiu solena aranĝo.

Fine D-ro Sancho Izquierdo legis la ĵus ricevitan verdikton de la Premio "Francisco Máñez", starigita ĉijare de la vidvino de nia karmemora samideano.

Ankaŭ kiel tradicie, post la publika aranĝo, la esperantistoj kunvenis en centra restoracio por kune vespermanĝi en frateca etoso.

La 18-an tagmeze Radio Zaragoza disaŭdigis intervjuojn pri Esperanto kaj pri la Literatura Konkurso, kun D-ro De la Puente, prelegonto; S-ro Miravé kaj F-ino Gastón, premiito kaj sekretariino de la Konkurso respektive.

La 19-an la ĵurnaloj ankaŭ raportis pri la aranĝo.

FRATECO-ano

# KIAL STAGNAS LA ESPERANTO-MOVADO?

Antaŭ ol trakti rekte tiun temon, mi deziras aldoni kelkajn vortojn por klarigi tiun problemon, kiu interesas ĉiun veran esperantiston. Ĉu vere stagnas la organizita Esperanto-Movado? Kiam mi parolas pri stagno mi raportas nur pri la membronombro, ne pri la aktivecoj, ĉiam pli kaj pli ampleksaj. Iom pli klare povas esti montri statistikon pri la individuaj membroj de Universala Esperanto-Asocio, ĉar pri nia H.E.F. mi ne hevas nombrojn.

| 1962 | 1963 | 1964 | 1965 | 1966 | 1967 | 1968 | 1969 | 1970 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 7.184 | 7.481 | 7.154 | 7.276 | 7.514 | 7.173 | 7.107 | 7.111 | 6.847 |

Tio ne signifas ke la esperantismo dormas, kaj mi opinias ke nia nuna stagno eble estas eĉ tre interesa por la plifortikigo interne de la respondecaj instancoj, kiuj per rapida progresigo de la membronombro eble ne laborus tiel efike kiel nuntempe.

Pri parto de tiu problemo verkis artikolon Tisljar Zlatko ("Esperanto hodiaŭ", Kontakto 2/1969). Eble vi mem legis tiun interesan studon, vere legindan. Sed ni devas atentigi ke la stagno de nia movado estas nur atribuebla al ni mem; kvankam, ĉu ni estas pretaj solvi ĝin? Ĉu estas solvo propagandi ĉiam pli kaj pli la lingvon? Ĉu tia aktivado estas ĉiam utila kaj konvena? Pri tio mi ne certas. Kiel tiam solvi la problemon? Ege interesas al ĉiuj legi artikolojn de Prof. Ivo Lapenna: "Kelkaj kaŭzoj de nekontentiga progresado" (Esperanto, januaro 1964) kaj "Pliaj kaŭzoj de nekontentiga progresado" (Esperanto, julio-aŭgusto 1964).

*Mi opinias ke ĝis nun, ĝenerale, ni sekvis eraran vojon.* Kelkfoje okazas ke ni aŭdas paroli pri nova Esperanto-Societo, sed poste vi neniam aŭdas pri tia societo. Nun mi rememoras pri du, la Esperanto-Grupo de Alar del Rey, kiu antaŭ kelkaj jaroj organizis brilan kunvenon, kaj poste malaperis ("Nova stelo en nia stelaro!" —Boletín, octubre 1963), kaj Ordizia Esperanto-Grupo, kies apero estis vaste raportita ("Inauguración de un grupo de Esperanto en Villafranca de Oria" —Boletín, diciembre 1963; "Raporto farita de Junulara Sekcio de Ordizia Esperanto-Grupo" —Bulteno de HEJS, marto-aprilo 1964; kaj "Primera Asamblea Provincial de Esperanto en el País Vasco-Español" —Boletín, septiembre-octubre 1964); sendube vi konas aliajn similajn ekzemplojn.

Sed, kiaj estas la kaŭzoj de tiuj perdoj por nia movado? Nur pro la malbonfara disvastigado, malgraŭ la tre grava kaj tre interesa sindona laboro farita de niaj samideanoj, Ortiz kaj Merayo en tiuj kazoj, ĉar kiam ili, pro diversaj eksteraj motivoj, devis forlasi la supre cititajn urbetojn la movado falis per si mem.

Multfoje oni anoncas Esperanton kiel anstataŭantan lingvon, por internaciaj rilatoj, de la nomataj naciaj lingvoj, aliaj kiel utilan korespondrimedon, aŭ por nuraj interŝanĝoj. Sed, ĉu vere Esperanto estas nur tio? Ne, Esperanto estas, super ĉio, klara, facillernebla lingvo, kun supernacia kulturo, sen homaj antaŭjuĝoj, al haŭtkoloro, religio, politiko aŭ nacieco. Pro tio la lingvo mem estas neŭtrala, kvankam ne eblas limigi sian uzadon kiel propagandilon utilan por politikaj, religiaj aŭ militaj aferoj, kiuj per si mem disigas la homaron. Ankaŭ, estas evidente, Esperanto estas uzata por aliaj bezonoj kiuj per si mem ne propagandas Esperanton favore.

Kia estus la plej efika maniero helpi la divastigon de nia kara internacia lingvo, do de Esperanto? Nur se oni montras sian utilon praktikan. Kaj, kiel montri ĝian utilecon? Interesus al ni iam povi montri taŭgajn filmojn, parolantajn esperantlingve, kun subtitoloj nacilingve, same kiel okazas nun en la nomataj kinejoj de "Arte y Ensayo", ne nur propagandajn por divastigi unu aŭ alian gravan entrepenon, ĉar nia kinoarto ankoraŭ ne disvolviĝis multe ĝis nun, eventuale pro financaj malfacilaĵoj. Sed ĉu ne ni povas labori disvastigante nian vastan kulturon, nian brilan agadon por paco kaj por unueco, kaj

kiel ĝi estas uzata ĉie tra la mondo. Kaj tion ni ne povas montri per nura afiŝo. Oni bezonas sufiĉe pli grandan montrejon kaj tio nur povas okazi per konvena elmontrejo, kie la ĝenerala publiko povus vidi amplekse nian disvastecon kaj nian aplikadon. Nia literaturo nun estas sufiĉe grava dank' al la valoraj eldonaĵoj jam ekzistantaj, nia muziko per gramofondiskoj, sonbendoj kaj aliaj eldonaĵoj, kvankam ne tiel elstara kiel la literaturo ankaŭ meritas atenton; niaj internaciaj kunvenoj kaj kongresoj sen profesiaj nek amatoraj interpretistoj, la uzado de Esperanto por disvastigi naciajn celojn en internaciaj medioj, turismaj broŝuroj, ktp. Ĉu ni uzas sufiĉe tiujn propagandilojn?

JUAN AZCUENAGA VIERNA

---

## RESULTADOS DE LOS EXAMENES DE ESPERANTO, QUE CON MOTIVO DEL XXXI CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO, SE CELEBRARON EN LA CASA SINDICAL DE ALICANTE, EL 21 DE JULIO DE 1971, A LAS DIEZ DE LA MAÑANA

La comisión examinadora constituida por los señores:

D. Juan Devís Calpe, representante de la Junta Directiva de H.E.F.
D. Jaime Aragay Pujols, Presidente
D. Félix Navarro Clemente, Vocal
D. Felipe González del Pino, Vocal

ha notificado a esta secretaría los siguientes resultados:

*Aprobados en el curso elemental (KAPABLA ESPERANTISTO)*

| | |
|---|---|
| D. Vicente Martí Miñana ................. | de Valencia |
| D. Antonio Marsó Carrera .............. | de Barcelona |
| P. D. José Miguel Armelles .............. | de Sádaba (Zaragoza) |
| D. Juan Azcuénaga Vierna .............. | de Santander |
| D. José Ferrer Serrano ..................... | de Barcelona |
| D. Luis M.ª Hernández Izal ............. | de San Pablo de Ordal (Barcelona) |
| D.ª Micaela Malón Terrero .............. | de Valencia |
| D. Enrique Arnau Prosper .............. | de Cheste (Valencia) |
| D. Cándido Cienfuegos Barberá ......... | de Mieres (Asturias) |

*Aprobados en el curso medio (ESPERANTISTA INSTRUISTO)*

| | |
|---|---|
| D. Vicente Martí Miñana ................. | de Valencia |
| D. Antonio Marsó Carrera .............. | de Barcelona |
| D. Juan Azcuénaga Vierna .............. | de Santander |
| D. Luis M.ª Hernández Izal ............. | de San Pabla de Ordal (Barcelona) |
| D. José Ferrer Serrano ..................... | de Barcelona |
| D. Enrique Arnau Prosper .............. | de Cheste (Valencia) |
| D. Cándido Cienfuegos Barberá ......... | de Mieres (Asturias) |

Lo que hago saber para conocimiento de los interesados y tenga los efectos consiguientes.

Madrid, 13 de diciembre de 1971.

*Manuel Figuerola Palomo*

Secretario de la Federación
Española de Esperanto

Cuando fuí contestando a los distintos esperantistas españoles, que escribieron en protesta de la omisión de la labor esperantista en la obra de acogimiento de niños austriacos en España, a raíz de la primera guerra mundial, y que fue presentada por TVE en su espacio "ESPAÑA SIGLO XX", utilizando la película que de la llegada de dichos niños a nuestra patria se hizo, y posteriormente recopiló el Sr. Tramullas, prometí dar cuenta en este número de nuestra revista, de mi carta aclaratoria al Sr. Director de dicho espacio en TVE, y de la contestación que a ella recibiera.

Hoy puedo informaros de mi carta publicando una copia de la misma, pero no así de la contestación, puesto que no se ha recibido ninguna respuesta a la carta, ni acuse de recibo del material enviado. Copia de este no publico, porque todos conocéis sobradamente la obra; únicamente hago excepción con la Dedicatoria que encabeza la Memoria General y que es prueba contundente de mis aseveraciones.

INES GASTON

SECCION ESPERANTISTA ESPAÑOLA DE TURISMO
(H. T. E. S. - SEKC. DE H. E. F.)

ZARAGOZA
Prez. I. GASTÓN

Paseo Marina Moreno, 35, 4.° dcha.
Teléfono 22 05 21

Zaragoza, 13 - 11 - 1971.

Sr. Director del espacio
"ESPAÑA SIGLO XX" de TVE.
MADRID

Muy Sr. mío:

Con satisfacción y sorpresa hemos sabido que ha sido presentada en TV., en el espacio "España siglo XX", la obra de acogimiento de niños austriacos en España a raíz de la primera guerra mundial.

Siempre causa satisfacción el ver que al cabo de tantos años, se recuerda una obra en la que tan directamente tomamos parte activa todos los miembros de la familia Gastón Burillo, por haber sido nuestro padre, Emilio Gastón, fundador de la Sociedad de Esperanto de Zaragoza y Presidente para España de la Asociación de Juristas Esperantistas, el director de la organización de dicha obra. Nuestra sorpresa ha sido (y al decir nuestra, me refiero a la de los esperantistas españoles), el ver que la iniciación y realización de la Obra se adjudica a personas ajenas al Esperanto.

Cuando fuimos informadas del asunto, consideramos que esa omisión de los esperantistas podía ser ocasionada por lo difícil que es informarse acerca de cosas ocurridas hace tantos años, y en las que Madrid, a pesar de que era obra española, apenas tomó parte. Bien es verdad que esa película que Vds. han utilizado, fue recopilada por el Sr. Tramullas, y que, cuando hace poco tiempo la presentaron en TV., se hacía saber que era obra esperantista española.

Mucho hemos dudado antes de decidirnos a escribir esta carta; en primer lugar, porque recordamos que, cuando todavía viviendo nuestro padre, alguna Institución Internacional, en el extranjero, quiso adjudicarse la iniciación y realización de la Obra, y los esperantistas austriacos quisieron que de España se protestase, la reacción de él fue, que cuando el bien se hace no por publicidad, sino por deber y por la satisfacción de haberse hecho, no vale la pena protestar por esas cosas, que, por otra parte, no demuestran más que el éxito alcanzado, ya que en otro caso nadie desearía adjudicarse, ni que le adjudicasen una labor que no hubiera realizado. Pero, me ha decidido a escribir, el haber recibido de palabra y por escrito, varias indicaciones de suplir esta omisión, de esperantistas españoles, pidiéndome, como a persona más íntimamente ligada y mejor documentada para poderle informar de la realidad, me dirija a usted.

La organización de la obra de acogimiento de niños austriacos en España, a que hace referencia esa película, fue debida a que la Sociedad de Esperanto para Stiria (Austria), se dirigió a los Grupos de Esperanto de todo el mundo, pidiendo ayuda para los niños. Sin duda por haber sido el nuestro, país neutral fueron los Grupos de Esperanto Españoles los que contestaron en forma más positiva. Entonces, a propuesta de dicha Sociedad de Esperanto para Stiria, apoyada por las Autoridades de allí, se centralizó la realización de la Obra en Zaragoza, bajo la dirección de nuestro padre, quien a su vez solicitó de las Autoridades locales su cooperación y apoyo, formándose un Patronato, como podrá V. comprobar en el material que le envío.

Para no marearle más, y para que se de V. cuenta de la realidad de lo que digo, le adjunto fotocopias de las cartas del Dr. Zúñiga y del Dr. Florestán Aguilar, solicitando el envío de la documentación de dicha Obra, para ser presentada por S. A. Real la Infanta D.ª Paz, en la Exposición Internacional de la Paz, que se celebró en Munich en 1927. Después de celebrada esta exposición, solicitaron en nombre de la Infanta, retener la documentación para presentarla en Würzburg durante el Congreso Democrático para la Paz, que tuvo lugar en esa ciudad alemana en septiembre de 1927. En ambas exposiciones se presentó con un cartel que textualmente dice:

"Durch Esperanto kamen 500 österr. kinder nach Spanien"

También le envío fotocopia de la traducción literal de la carta enviada por los esperantistas austriacos y que promovió la iniciación de la obra; traducción, que la Sociedad de Esperanto Frateco, distribuyó a todos los zaragozanos, como asimismo lo hicieron respecto a sus conciudadanos las Sociedades de Esperanto de diversas ciudades españolas, como Barcelona, Tarrasa, Gerona, Valladolid, Asturias, Reus, Cheste, Vich, Teruel, etc.; dos circulares, una de ellas, la primera que distribuyó el Patronato formado en Zaragoza, y otra, una de las muchas cartas circulares que hubo que enviar solicitando ayuda; un plegable de los editados en Austria y que llevaban los niños consigo durante el viaje; un ejemplar de la revista Boletín de la Federación Española de Esperanto, en el que se conmemora el 50 aniversario de la iniciación de la obra, y copia de la dedicatoria con que empieza la Memoria General de la Obra.

Referente a la estancia de los niños austriacos en el Asilo de la Paloma, a su paso por Madrid, en viaje hacia Asturias, donde iban a ser acogidos, en el número de abril 1921, de la revista "La Cruz Roja", órgano oficial de la Asamblea Suprema Española, encontrará V. reportaje.

La visita de S. M. la Reina D.ª M.ª Cristina a los niños austriacos, en el Asilo de la Paloma, fue verdaderamente emocionante, visita de la que guardan un imborrable recuerdo, lo mismo el oficial austriaco Karl Bartel, organizador de la Obra en Austria y acompañante de aquellos niños, que algunos de los entonces niños acogidos en España, con los que tuve ocasión de recordar, durante mi viaje a Austria el pasado año, con motivo de la celebración del Congreso Universal de Esperanto en Viena.

Queda a su disposición y le saluda atentamente su afma.,

INES GASTON

## MEMORIA SOBRE EL ACOGIMIENTO TEMPORAL DE NIÑOS AUSTRIACOS EN ESPAÑA ORGANIZADO POR ESPERANTISTAS, EFICAZMENTE AYUDADOS POR OTROS BIENHECHORES, DURANTE LOS AÑOS 1920 AL 1923

### *Dedicatoria General*

Dedicamos esta memoria, no solo a los que tomaron parte en la obra benéfica reseñada (acogidos, acogentes y auxiliares), sino también a todos los esperantistas.

Con ella procuramos proporcionar a los primeros el recordatorio de una caridad, de una obra humanitaria mediante el cual puedan en todo momento demostrar con pruebas que no existen extraños cuando hay voluntad de socorrer y que, no obstante las barreras que separan a los hombres, el amor familiar crece entre los que dan y reciben ayuda cuando conviven algún tiempo.

Ante los esperantistas, queremos dar gracias públicamente a nuestro maes-

tro Dr. Zamenhof, cuyo idioma ha hecho posible nuestra empresa, y proclamar que en España había y hay multitud de personas e instituciones de hermoso corazón, abnegadas y más potentes que nosotros, que se sintieron hondamente afectadas por la miseria austriaca; pero, sin embargo, antes que nosotros, nadie se atrevió a organizar un acogimiento amoroso de niños y nadie, cuando nos sentimos agotados por el trabajo, se atrevió a continuar nuestra obra, aun cuando así lo suplicamos, prometiendo para tal continuación nuestro archivo, en el que todavía había muchas ofertas y peticiones de acogimiento. ¿Donde nosotros, modestos artesanos y profesionales, encontramos energía para laborar y vencer en nuestra empresa? Seguramente, en lo que no poseían las otras personas caritativas: en nuestro esperantismo, cuya idea interna acrecentó nuestra fuerza hasta una grandeza no soñada por nosotros, pues, aun cuando el auxilio a los niños que se reseña, fue muy pequeño en atención a la necesidad del país auxiliado, resultó inmenso en relación a nuestra pequeñez, y estamos convencidos de que, mediante nosotros, el esperantismo ha realizado un pequeño avance hacia la santa armonía que nuestro *sentimiento* nos tiene prometida, y, sin temor de parecer vanidosos, deseamos que sepáis lo qué hicimos, para que ello os anime en vuestra labor y sea en vuestro corazón eco de las palabras de nuestro maestro: "¡Adelante con tenacidad! Los nietos os bendecirán si con paciencia os sostenéis".

BARTEL — GASTON — ALAVEDRA — CASANOVAS — SERRAT
MAÑEZ — COMELLA

---

## EXCURSION TURISTICA A VIGO CON MOTIVO DEL 32 CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO

La Sección Esperantista Española de Turismo en colaboración con la Delegación de "VIAJES MELIA" en Zaragoza, ha organizado la siguiente excursión con visita a Portugal.

17-7-72 ZARAGOZA - SORIA - VALLADOLID
Por la mañana salida de Zaragoza en autopullman hacia Valladolid, con detención en SORIA para almorzar. Por la tarde continuación de viaje a VALLADOLID. Cena y alojamiento en el hotel.

18-7-72 VALLADOLID - BRAGANZA - OPORTO
VALLADOLID. Desayuno en el hotel. Salida hacia Portugal. Almuerzo en BRAGANZA. Por la tarde se continuará viaje a OPORTO. Cena y alojamiento en el hotel.

19-7-72 OPORTO. Pensión completa en el hotel. Día libre para visitar la ciudad.

20-7-72 OPORTO - VIGO
OPORTO. Desayuno en el hotel. Salida hacia VIGO. Almuerzo, cena y alojamiento en el hotel.

21-7-72 al 25-7-72 VIGO. Pensiones completas en el hotel. Días libres para asistir a las sesiones del Congreso Español de Esperanto.

26-7-72 VIGO - PONFERRADA - PALENCIA
VIGO. Desayuno en el hotel. Salida hacia Palencia. Almuerzo en PONFERRADA. Por la tarde continuación de viaje a PALENCIA. Cena y alojamiento en el hotel.

27-7-72 PALENCIA - SORIA - ZARAGOZA
PALENCIA. Desayuno en el hotel. Salida hacia Zaragoza. Almuerzo en SORIA. Por la tarde continuación de viaje para llegar a Zaragoza al anochecer.

Precio de la excursión por persona en habitación doble con baño. 8.465 ptas.

Informes e inscripción en la Sección Esperantista Española de Turismo, Inés Gastón, Paseo Marina Moreno, 35, 4.º, Zaragoza.

# 57-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

de la 29a-7 ĝis la 5a-8 1972

Kiel anoncite, ankaŭ ĉijare, la Hispana Turisma Esperanto-Sekcio en kunlaboro kun la Delegacio de "Viajes MELIA" en Zaragoza organizas komunan vojaĝon al Portland (Oregon), okaze de la 57a Universala Kongreso de Esperanto. Ĉar la partopreno en la Kongreso estas bona okazo por viziti aliajn urbojn de tiu interesa lando, ni organizis jenan ekskurson, kies programo estas ja alloga:

25-7-72 — MADRID - NEW YORK
Je la 11a matene, forveturo de Madrid al New York, per reaktor-aviadilo.
Je la 13,40 (loka horo) alveno al la flughaveno John F. Kennedy.
Translokigo de la flughaveno al la hotelo en New York. Loĝado.

26-7-72 ĝis 28-7-72 — NEW YORK
Matenmanĝo kaj loĝado en la hotelo.
Dum la mateno de la 26a, okazos komuna vizito al tiu grandega urbo tra Times Square, Greenwich Village, la Bowery, Chinatown, vera ĉina urbo en la koro de Manhattan; Wall Street, la konstruaĵo sidejo de la Unuiĝintaj Nacioj, Park Avenue, Centro Rockefeller, konstruaĵo Empire State; oni vizitos la "Centro Cívico" tra la komercaj kaj mara distriktoj; fine vizito al la statuo de la Libereco.

29-7-72 — NEW YORK - PORTLAND
Post la matenmanĝo en la hotelo, translokigo de la hotelo al la flughaveno.
Je la 11a h. forveturo de New York al Portland per reaktor-aviadilo.
Je la 15,12 h. alveno. Translokigo de la flughaveno al la hotelo en Portland. Loĝado.

30-7-72 ĝis 4-8-72 — PORTLAND
Matenmanĝo kaj loĝado en la hotelo.

5-8-72 — PORTLAND - SAN FRANCISCO
Matenmanĝo en la hotelo.
Translokigo de la hotelo al la flughaveno.
Je la 17a h. forveturo de Portland al San Francisco per reaktor-aviadilo.
Je la 18,36 h. alveno. Translokigo de la flughaveno al la hotelo en San Francisco. Loĝado.

6-8-72 ĝis 8-8-72 — SAN FRANCISCO
Matenmanĝo kaj loĝado en la hotelo.
Dum la mateno de la 6a, okazos komuna vizito al la urbo; speciale oni vizitos China-town, ĝiajn ekzotikajn vendejojn Jackson Square kaj Telegraph Hill, de kie oni povas admiri la urbon. Vido de la Fisherman's Wharf (Kajo de la fiŝkaptisto).

9-8-72 — SAN FRANCISCO - WASHINGTON
Matenmanĝo en la hotelo, translokigo de la hotelo al la flughaveno.
Je la 9a h. forveturo de San Francisco al Washington per reaktor-aviadilo.
Je la 17,04 h. alveno. Translokigo de la flughaveno al la hotelo en Washington. Loĝado.

10 - 8 - 72
Matenmanĝo en la hotelo. Dum la mateno komuna vizito; tra la rivero Potomac por vidi la belegajn domojn de Georgetown, poste, oni daŭrigos al Alexandria, urbo, kie naskiĝis Jorge Washington. Oni vizitos Mt. Vernon kaj ĝiaj dependaĵojn, kiuj elmontras la kutimojn de la epoko de Washington.

11-8-72 — WASHINGTON - NEW YORK - MADRID
Matenmanĝo en la hotelo. Translokigo de la hotelo al la flughaveno.
Forveturo de Washington je la 11a h., alveno al New York je la 12a h. kaj je la 20a h. forveturo de New York al Madrid per reaktor-aviadilo.

12-8-72 — Je la 7,30 h. alveno al Madrid.

Prezo de la vojaĝo po persono, loĝado en Hoteloj de 1a kategorio:
en dulita ĉambro kun banĉambro ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 57.180 ptoj.
en unulita ĉambro kun banĉambro ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 64.770 ptoj.

Por atingi tiujn prezojn oni bezonas la partoprenon de minimume 20 personoj.

Ĉi tiuj prezoj estas provizoraj, kaj ĉiuj eblaj ŝanĝoj modifos ilin. Ŝajnas ke la prezoj estos rabatitaj.

Informojn: Ĉe H.T.E.S.; Inés Gastón. P.º Marina Moreno, 35, 4.º dcha. Zaragoza.

## 57ª UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Okazonta en Portland (Oregon) de la 29ª, 7 ĝis la 5ª, 8, 1972
Sub la Alta Protektado de Governor Tom McCall
Estro de la ŝtato Oregon

Unua bulteno kun aliĝilo estas senpage ricevebla ĉe la konstanta adreso de la Kongreso, ĉe la kongresa peranto, S-ro. Ramón Molera, Ĉefdelegito de UEA en Hispanujo, str. Santa Joaquina, 13, MOYA (Barcelona), kaj ĉe la Hispana Esperanto-Federacio.

## SVEDA SOMERA SEMAJNO

Organizita de Sveda Esperanto-Instituto sub la aŭspicioj de UEA
Okazonta de la 30ª, 7 ĝis la 6ª, 8, 1972
en Frostavallen (Svedujo)

La programo de la Esperanto-semajno en Frostavallen estos kiel ordinare altnivela kaj alloga.

Gvida preleganto: Prof. Dr. Ivo Lapenna.

Informoj: Ĉe la administranto S-ro Jan Strönne, Amiralsgatan 36, S-211 55 MALMO, Svedujo.

## HUNGARA KULTUR-FESTIVALO

Sub aŭspicio de UEA
Okazonta de la 17ª ĝis la 23ª julio 1972
en Budapest (Hungarujo)

Informoj: Ĉe la Hungara Esperanto-Asocio, BUDAPEST 5, Poŝtfako 193, Hungarujo.

## 45ª KONGRESO DE S. A. T.

Okazonta de la 22ª ĝis la 29ª de julio 1972
en Kuopio (Finnlando)
Informojn petu al: "Lingvoponto", Pf 119, 70101 KUOPIO 10, Finnlando.

## 27ª KONGRESO DE SAT-AMIKARO

Okazonta de la 2ª ĝis la 4ª de aprilo 1972
en Narbone (Francujo)
Informojn ĉe P. Loubic, "Verda Stelo", Route de Carcassone 11, NARBONNE, Francujo.

## "GRÊSILLO" DUDEK-JARA - 1972

(Fondinto: H. Micard - Direktoro: P. Babin)

Dum la Paskaj Ferioj:

26/3 - 2/4: Studsemajno: Kursoj - Prelegoj - Aplikado de la lingvo - Distraĵoj.

3/4 - 9/4: Dekunua Kultursemajno kaj Junulara Renkontiĝo "72" organizita de TEJO, sub aŭspicioj de UFE. Riĉenhava kultura programo starigita de la gejunuloj: Prelegoj, pritemaj babiladoj. Plej diversaj konkursoj. Ekskursoj, ktp.

Informoj: Ĉe La Esperantista Kulturdomo, F-49-BAUGE, Francujo.

TIP. C. BOLOIX.-REINA FABIOLA, 7.-ZARAGOZA

D. L. Z. - 375 - 63